WIKIPEDIA

# Bodoa lingvo

La **Bodoa Lingvo** estas Tibeto-birma lingvo parolata de la bodoa popolo de nordorienta Barato kaj Nepalo. La lingvo estas iu el la oficialaj lingvoj de la barata ŝtato Asamo, kaj estas iu el 22 konstituci-statusaj lingvoj laŭ la konstitucia en Barato.

| Bodoa lingvo | |
|---|---|
| बोड़ो | |
| **Parolata en** | Barato, kun kelkaj malgrandaj komunumoj en Nepalo |
| **Parolantoj** | 603 000: 600 000 en Barato (1 997)<br>3 301 en Nepalo (2 001) |
| **Skribo** | Nagario, Latina, eble originale Deodhai? |
| **Lingvistika klasifiko** | |
| Ĉino-tibeta<br>Tibeto-birma<br>Jingpho-konyak-bodoa<br>Konyak-bodo-garoa<br>Bodo-garoa<br>**Bodoa** | |
| **Lingva statuso** | 2 vundebla |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **ISO 639-3** | brx |
| **Glottolog** | bodo1269 |
| **Angla nomo** | Bodo language |
| **Franca nomo** | bodo |

## Enhavo



## Klasifiko kaj parencaj lingvoj

La bodoa lingvo, branĉo de la tibeto-birma familio de lingvoj estas riĉa lingvo. Ĝi estas grava lingvo de la bodoa grupo en la Asam-birma grupo de lingvoj. Ĝi kunhavas iujn komunajn trajtojn de vortprovizo, fonologio, morfologio kaj sintakso kun aliaj fratinaj lingvoj de la bodoa grupo.

Ĝi proksime parencas al la Dimasa lingvo de Asamo kaj la Garoa lingvo (grt) de Meghalaya. Ĝi ankaŭ estas tre proksime parenca lingvo de la kokboroka lingvo (trp) parolata en Tripura.

## Historio

En la postsekvoj de la socio-politika vekiĝo kaj movado lanĉita de bodoaj organizaĵaj ekde 1913, la lingvo prezentiĝis kiel perilo de instruado (1963) en la elementaj lernejoj en bodoaj areoj. Aktualtempe, la bodoa lingvo servas kiel perilo de instruado ĝis la meza nivelo kaj kiel asocie oficiala lingvo en la ŝtato Asamo. La lingvo jam atingas pozicion fieran kun la malfermo de la post-bakulaŭra (?) (en:*postgraduate*) kurso en la bodoaj lingvo kaj literaturo en la Universitato de Guwahati en 1996. la bodoa lingvo havas la krediton havi grandan nombron da libroj poeziaj, dramaj, novelaj, romanaj, biografiaj, vojaĝaj, porinfanaj, kaj beletro-kritkaj.

## Dialektoj

La ĉotea, la meĉa. Parenca al la dimasa, tripura, lalunga, kaj bodoa lingvoj.

## Skriba sistemo

La lingvo oficiale skribatas per la nagaria skribo, sed ĝi ankaŭ havas longan historion uzi la romiidan skribon. Iuj esploristoj jam sugestas ka la lingvo originale uzis nun perditan skribsistemon nomitan Deodhai.

## Vidu ankaŭ

- Bodoa popolo
- Bodo Sahitya Sabha
- Kokboroka lingvo

## Eksteraj ligiloj

- Abley, Mark (2006) *The Verbs of Boro (http://www.lostmag.com/issue4/verbs.php)*, Lost Magazine (http://www.lostmag.com/aboutus.php), March 2006
- Bodoland.org (http://www.bodoland.org/)
- Boro Language (http://www.iitg.ernet.in/rcilts/boro.htm)